# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 72**
**Bulteno de KAEM**
**Julio 2011**

-----------------------------------------------------------------

## Komuna Esperanto-Kongreso de Japanio kaj Koreio

**La 43a Korea Kongreso de Esperanto**

**La 98a Japana Esperanto-Kongreso**

## La 30a Komuna Seminario inter Ĉina, Japana kaj Korea junularoj (KS)




■Dato: de la 7a ĝis la 9a de oktobro 2011, en la urbo Seongnam, apud Seulo paralele en la sama ejo okazos.

■Kongresejo: Centra Trejnado-Instituto de Korea Saemaul-Movado

200 Yul-dong, Bundang-gu, Seongnam-si, Gyonggi-do, 463-742 Korea;
tel. +82-31-780-7820; fakso 82-31-780-7874

■Kongresa Temo: Esperanta amikeco kaj interkomprenigô trans la maro

■La temo de Komuna Seminario: Etaj Esperantaĵoj en nia vivo

■Fakaj kunsidoj nun planataj: (1) Amika go-kunveno inter japanaj kaj koreaj go-amantoj, (2) Kristano, (3) Pasporta Servo,
(4) Azia Agado, (5) Kiel sukcesigi junularajn eventojn,
(6) Lernolibro de moderna historio de Japanio kaj Koreio,
(7) Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, (8) Sennacieca Asocio Tutmonda, (9) Origamio (Paperfald-ludo),
(10) Libro-horo, (11) Korea Man-akupunktura terapio,
(12) Delegita Reto de UEA, (13) Budhanoj, (14) Oomoto,
(15) Kantu esperante, (16) Lando de Esperanto,
(17) Natur-amikoj, (18) Fakkunsido por infanoj, (19) Meditado de Ŭonbulismo, (20) Prezentado de E.SHA Epoko,
(21) Aŭkcio, (22) Kunsido de Esperanto-rondoj japanaj kaj koreaj, (23) Programero por komencantoj.

■Budoj en Salono: (1) Gunma Esperanto-Societo, (2) Japana Esperanto-Instituto, (3) Libroteko Tokio, (4) Jokohama Esperanto-Rondo, (5) La 99a Japana Esperanto-Kongreso en Hokkaido.

■Postkongresa Ekskurso estas planata ekiri matene de la 10a de oktobro al la natura parko de montaro Seoraksan kaj apudmaraj urboj Gangneung kaj Sokcho. Oni povas ĝui belajn pejzaĝojn de Goseong-gun kaj Misiryeong, kaj gustumi frandaĵojn el la maro. La ekskursa kotizo por japanoj: 13 000 enoj kun unu tranokto kaj 3 manĝoj.

■Duontagaj ekskursoj estas planataj sub la alloga nomo "Seula Aventuro", posttagmeze en la 9a tago, post la ferma soleno. En malgrandaj grupoj ni aventuru vesperan Seulon kaj ĉirkaŭajn lokojn. Detalon poste, kaj aliĝo surloke. Ekskursanoj bezonas iom da kroma pago, kiu kovros netan koston de la aventuro.

■Kiel kongresan memoraĵon, oni eldonos kompaktan diskon de utilaj frazoj en tri lingvoj, Esperanto, japana kaj korea. Kun ĝi estos broŝuro ankaŭ en la tri lingvoj. La memoraĵon povas ricevi ankaŭ moralaj partoprenantoj.

■Ni ne havos Bankedon, sed iom luksan komunan manĝon en la vespero de la 8a tago. Por partopreni en ĝi la kongresanoj, kiuj pagis por kongreseja loĝejo kun manĝoj, ne bezonas kroman pagon.

■Korea grupo "KTP" kaj japana teatra trupo "Kunii-iĉiza" prezentos folkloran teatraĵon.

■Ni nun planas aranĝi, ke la partoprenantoj de Komuna Kongreso povu libere ĉeesti la programerojn de Komuna Seminario, kaj ankaŭ inverse.

■Kontakto-adreso japanflanka: Sekretario de Komuna Kongreso ĉe Japana Esperanto-Instituto, JP-162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3, telefono: +81-3-3203-4581, fakso: +81-3-3203-4582, retpoŝto: jek11s@jei.or.jp, TTT-paĝaro: http://jei.or.jp/evento/2011/kk/

■Kontakto-adreso koreflanka: Korea Esperanto-Asocio, 1601 Gangbyeon Hanshin Core, 350 Mapo-dong, Mapo-gu, Seoul-121-703, telefono: +82-2-717-6974, fakso: +82-2-717-6975: retpoŝto: kea@esperanto.or.kr, TTT-paĝaro: http://www.esperanto.or.kr/.

■Kotizo por ne-japanoj/koreoj, aliĝontaj tra JEI: 3 000 enoj. Loĝejo plus manĝoj (kun 3 tranoktoj kaj 8 manĝoj): 8 000 enoj por 7-persona ĉambro. Detalon vi vidos sur la TTT-paĝaro de JEI.
*La kongresan kotizon kaj aliajn prezojn por ne-koreoj/japanoj aliĝontaj tra KEA vi vidos sur la TTT-paĝaro de KEA.

■Kontakto-ret-adresoj de KS:
Jung Eun-Kyung (ĉeforganizanto); unika@saluton.net
Yoo Byung-Joo; dqw7743@hanmail.net
Seminarian kotizon kaj aliajn informojn vi vidos sur: https://www.facebook.com/komunaseminario.

## Partoprenu en la 30-a Komuna Seminario (KS)

La 30-a Komuna Seminario (KS), kiu 30 jarojn kunligis kaj kunligas aziajn junajn esperantistojn, precipe el Ĉinio, Japanio kaj Koreio, okazos ekde la 7-a ĝis la 10-a de oktobro 2011! Ĝi estis longe ununura junulara E-aranĝo en Orienta Azio, kiel mojosa kaj amikeca renkontejo de gejunuloj, kiel unu el la semoj de azia Esperanto-movado, kaj des pli ĝoje, kiel la komenco de amo de pluraj geesperantistaj paroj.

Korea Esperanto-Junularo (KEJ) promesas pli riĉajn programerojn kaj mojosan etoson. Tiu ĉi aranĝo okazos samloke kaj paralele kun Komuna Kongreso de Japanio kaj Koreio, kio donacos al vi eĉ duoblan plezuron.

Bonvolu viziti alkroĉitan dosieron kaj turnu vin al ĉeforganizanto JUNG Eun-Kyung (unika@saluton.net). Ĉia ajn kontribuo estas ĉiam bonvena, sed la plej granda kontribuo estas via partopreno!

*Ĝenerala informo pri Komuna Seminario:
http://eo.wikipedia.org/wiki/Komuna_Seminario
*Informeto pri la seminaria urbo Seongnam:
http://eo.wikipedia.org/wiki/Seongnam

SONG Ho-young
Komisiito de TEJO pri Landa Agado en Azio

# Japanio

## La Jubilea 60a Kantoo-Esperanto-Kongreso

La 11an – 12an de junio okazis la 60a Esperanto-Kongreso en la regiono Kantoo en la universitato Saitama. Kantoo estas la regiona nomo, en kiu inkludiĝas Tokio kaj la ĉirkaŭaj 6 gubernioj. La unua kongreso okazis en 1952 en la Esperanto-Domo de Japana

Esperanto-Instituto, kaj poste sen interrompo okazadas la kongreso, kaj fine la numero atingis 60. En tiu ĉi kongreso aliĝis 126 homoj kaj el ili 74 partoprenis.

En la unua tago, la 11an, ni okazigis ĝeneralan kunsidon de la Kantoo-Esperanto-Ligo, en kiu estis raportitaj agadoj en 2011 kaj proponita agadplano por 2011 kaj la nova estraro, kaj ambaŭ raportoj kaj proponoj estis aprobitaj.

Vespere ni havis bankedon en la najbara japanstila restoracio kun la partopreno de 16 samideanoj, inkluzive de vjetnama fraŭlino Nguyen Thi Phuong. Ni kantis, ĝuis kvizon, ludadon de japana muzikilo kaj plasta botelo (tiu homo, mi, povas ludi per plasta botelo!) kaj kompreneble manĝis kaj drinkis multe.

En la dua tago jene okazis diversaj programeroj:
1. Inaŭguro
2. Koncerto de mandorino kaj elektronika piano pere de ges-roj Iŭaja, kiuj ludis famajn eŭropajn kaj japanan melodiojn.
3. Fakkunsidoj:
1) Kantu Esperantajn kantojn, 2) Tajĉiĉuan, 3) Hietori-terapio,
4) Medicinistoj kaj sciencistoj, 5) Movadu pli por paco pere de Esperanto, 6) Janagida Kunio, fama esperantisto antaŭ la dua mondmilito, 7) Mijazaŭa Kenĵi, fama verkisto antaŭ la dua mondmilito, 8) Parolu kun f-ino Phuong el Vjetnamio

Post la tagmanĝo, por gajigi la etoson, okazis koncerteto de vjetnamaj muzikiloj fare de s-ro Hue Hukio, kaj poste okazis prelego de f-ino Nguyen Thi Phuong el Vjetnamio, motoro de la vjetnama junulara movado. Ni invitis ŝin por marki la 60an jubileon kaj la okazigon de la 97a UK en Hanojo. Ŝi parolis pri la ĉefurbo Hanojo, Vjetnama Esperanto-movado kaj junulara movado, montrante bildojn per komputilo. Certe multaj havis intereson pri Vjetnamio kaj ŝia prelego instigis ilin vojaĝi en la venonta jaro.

Fine ni havis Fermon, en kiu s-ino Fan el Ĉinio deklamis sian poemon pri sia amo al Esperanto, kaj poste korusanoj kantis la

kanton “Saluton” komponitan de s-ro Koniŝi Gaku, japano, kaj laste ĉiuj kantis kune La Esperon kaj La Tagiĝon.

Kongresaj memoraĵoj estis “Raportoj el Japanio 14”, kiu temas pri la okazintaĵoj en Japanio en 2010, kaj “Historieto de Esperanto-Ligo en la regiono Kantoo 2001-2011”.

Antaŭ la kongreso ni timis, ke la partoprenantoj estos malmultaj, ĉar Japanio estis plena de funebra etoso. Pro tio ni des pli energie agadis por la sukcesigo, kaj tiom multe aliĝis kaj fakte partoprenis. F-ino Phuong poste vojaĝis al Kobeo por prelegi en la Kansaja Esperanto-Kongreso.

## La 59a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo

La kongreso havis lokon en havenurbo Kobeo la 18an kaj 19an de junio kun 234 partoprenantoj inkluzive de 58 moralaj. Kun la temo "Azio plenplena de energio" ni invitis junajn samideanojn el Ĉinio kaj Vjetnamio. Sed delegacio el Tianjin, Ĉinio (ĝemela urbo de Kobe), bedaŭinde ial ne povis veni en Japanion. Tamen invitita de ambaŭ kongresoj: Kansaja kaj Kantoa, f-ino Nguyen Thi Phuong, juna vjetnamino kun plena energio, aktivadis fervore dum la kongreso, ĉeestante ok programerojn, kio donis al la kongresanoj junan energion kaj freŝan impreson.

En la unua tago la kongreso komenciĝis per du ekskursoj antaŭkongresaj:

1. Vizito al famekonataj turismaj vidindaĵoj ĉirkaŭ la urbocentro de Kobeo.
2. Vizito al muzeoj de Sake-fabriko. (Sakeo: japana vino fermentinta el rizo)

La unuan ekskurson ĝuis 23 turismemuloj kaj la duan 10.

Post la malferma soleno kun salutoj de estroj de Kobe-Esperanto-Soieto, de Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj kaj

de amikaj organizoj, raporto pri nia movado lastajara, premiado ktp. ni aŭskultis du Esperantajn prelegojn. F-ino Nguyen Thi Phuong prelegis kun la titolo "UK2012 kaj Esperanta Movado en Vjetnamio", dum s-ro Bill Mak prelegis kun la titolo "Gukimo-Malnova Ĉina Muziko".

Ankaŭ ĉi-kongrese okazis Konkursoj Deklama kaj Oratora, por kiuj kandidatiĝis entute 5 kuraĝuloj. Kaj sekvis Gaja Vespero, ĉe kiu tri grupoj jen kantis Esperante, jen ludis Noan Komedion. Poste 61 kongresanoj ŝanĝis lokon al franca restoracio por ĝui bankedon, aŭskultante muzikon ludatan de la partoprenantoj mem.

En la dua tago ni okazigis publikajn programerojn, nome du prelegojn kaj mini-koncerton. La unua prelego far de prof. TERAĴIMA Toŝio kun titolo "Esperanto kaj la vojo por realigi pacon". La dua prelego kun interpreto far de f-ino Nguyen Thi Phuong kun titolo: "Evoluanta Vjetnamio kaj Esperanto". Mini-koncerto far de profesia kantistino NODA Ĵunko kun gitaro.

La kongreson diversigis multfacetaj kunsidoj kaj kunvenoj: Aŭkcio far de s-ino TAHIRA Masako, Studoj pri lernomaterialoj, Kristanoj, Sciencistoj, Kantu en Esperanto, Societo de la 9a artikolo, Universitateto, Babilado kun alilandanoj, Enkonduka kurso, Frazfarado ktp. Interalie du fakkunsidoj organizitaj de JEJ (Japana Esperanto-Junularo) donis freŝan impreson al la ĉestantoj, traktante jenajn du temojn: "Diskuto pri IJK venontjara en Japanio" kaj "Ebleco de interreto por disvastigi Esperanton".



La organizantoj antaŭ ĉio cerbumis, kiel venigi junulojn al la

kongreso kaj fine atingis la konkludon: kvaronigi la kotizon de junuloj kaj havigi al ili proprajn kunsidojn. Ĉu tiu maniero efikis, aŭ ne, verdire pli multaj junuloj partoprenis ĝin kompare kun la lastaj kongresoj kaj aktive kunlaboris parte influate de la vjetnama gastino, kio lumigos la estontecon de nia movado.

## Unuafoja Esperanto-Seminario en Hokkajdo

KAŬAI Juka (loka zorganto)

En la komenco de majo La 44-a Esperanto-Seminario, organizita de Japana Esperanto-Instituto, okazis unuafoje en Sapporo en la norda insulo Hokkajdo. La partoprenantoj estis 33 homoj (inkluzive gvidantojn) kaj 12 el ili estis hokkajdanoj. Kompare al nombro de kutimaj jaroj, tio estas tre altprocenta. Nature estas notinde, ke ni, hokkajdanoj, kiuj malfacile partoprenas en okazaĵoj en la ĉefa insulo Honsyû k.a., povis lerni dense dum 3 tagoj. Tamen, samtempe, por partoprenantoj ekster Hokkajdo tiu okazo en Sapporo estis alloga. Kelkaj turismis antaŭ aŭ post la seminario.

Ĉi-jare printempo malfrue venis. La temperaturo estis tre malalta kompare al tiu en averaĝaj jaroj kaj en la dua tago, la 4-a de majo, eĉ neĝis. Ne nur partoprenantoj ekster Hokkajdo sed ankaŭ ni, hokkajdanoj, ege surpriziĝis.

En la unua vespero laŭkutime okazis Gaja Vespero. Ni ĝuis ludojn kaj kantis Esperante "Sonoras Sonoril' de la Horloĝtur'", "Liriko pri Siretoko" kaj "Sooranbuŝi" laŭ gvido de s-ro HOŜIDA Acuŝi el la urbo Tomakomai, Hokkajdo.

La leciono iris en kvar klasoj: elementa (gvidite de s-ro Hoŝida), mezgrada (gvidite de s-ro Atilio Orellana ROJAS: interparolo), mezgrada-supera (gvidite de s-ro SIBAYAMA Zyun'iti: frazfarado) kaj memstara (sen gvidanto: diskuto). Multaj hokkajdanoj ĉeestis ĉe la klaso de s-ro Sibayama kaj tradukis "Turisma Gvido de Sapporo", kies japanlingva versio estis proponita de s-ro GOTOO Yoshiharu el Sapporo. Tio fariĝos bona ekzerco por la venontjara Japana

Esperanto-Kongreso en Sapporo. Laŭ enketo post la seminario, preskaŭ ĉiuj partoprenantoj multe kontentiĝis je viglecoplena kaj intensiva lernado.

En la dua tago estis prelegetoj de du alilandanaj partoprenantoj. S-ino Tiina OITTINEN rakontis pri sia hejmlando, Finnlando, kaj pri tiea Esperanta agado. S-ro Atilio Orellana ROJAS el Argentino/Nederlando gaje parolis pri "Korpa Komunikado" kun demonstro. Ambaŭ prelegetoj estis bonvenigataj de la partoprenantoj.

Dum la periodo de la seminario, ne nur dum leciono sed ankaŭ dum manĝado, libera tempo k.a. tie kaj ĉi tie partoprenantoj el diversaj regionoj interparolis kun plezuro. Tio multe stimulis nin, hokkajdanojn, kies lernado emas iri monotona. Mi, loka zorganto, elkore dankas al aliaj zorgantoj, partoprenantoj ekster Hokkajdo kaj JEI, kiu elektis Sapporon kiel seminariejon.

## Sukcesa estis Tago de Esperanto

La 12an de junio 1906 fondiĝis "Japana Esperantista Asocio", la unua organizaĵo de Esperanto en Japanio, kaj memore al tio la 12a de junio estas "Tago de Esperanto" por ni. Japana Esperanto-Instituto (JEI) organizis publikan prelegkunvenon la 11an de junio en Esperanto-Domo, Tokio. Okazis du prelegoj japanlingve:

1. S-ro NOMA Hideki, eksprofesoro ĉe Tokia Universitato pri Fremdaj Studoj, prelegis pri hangulo, ĝia historio kaj la korea kulturo, prepare al la Komuna Kongreso de Koreio kaj Japanio, okazonta oktobre apud Seulo, Koreio.
2. S-ro GOTOO Hitosi, profesoro ĉe Toohoku-Universitato, prelegis pri "Lingva Kulturo de Esperanto", prezentante fekundajn aktivadojn de japanaj esperantistoj el historiaj gazetoj kaj libroj.

Ĉeestis 74 homoj inkluzive de ne-esperantistoj. Furoris ankaŭ la

libroservo kaj bazareto de brokantaĵoj. Ne mankis monoferantoj responde al la kampanjo de JEI por subteni esperantistojn en la regiono Toohoku, damaĝita de la sismego kaj la cunamo.

Syozi Keiko, Ĝenerala Fako de Japana Esperanto-Instituto

## Uzbekio

**1) Letervesperu en 2750-jara Samarkando!**

La 31-an de aŭgusto 2011 samarkandaj esperantistoj okazigos la internacian letervesperon, dediĉitan al 20-jariĝo de sendependeco de Respubliko Uzbekio. Ni atendas viajn gratulmesaĝojn ktp. La plej interesajn kontribuaĵojn ni ekspozicios kaj publikigos en nialanda gazetaro. Salutleterojn (kaj eventuale alispecajn materialojn) vi povas sendi JAM NUN rete (al imps86@yahoo.com) aŭ per ordinara poŝto al:

Anatoli Ionesov, Direktoro de Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro P.O. Box 76, UZ-140100 Samarkando, Uzbekio

**2) Odo al Samarkando: ĉiulingvaj tradukoj bonvenaj**

Moskva poetino Irina Aleksejeva verkis en la rusa lingvo la poemon "Odo al Samarkando", kiun ni klopodas - helpe de Esperanto - traduki al plej diversaj lingvoj. Ruslingva originalo kaj ties poezia Esperanta traduko troveblas sube de la retpaĝaro:
http://www.kultura.uz/news/29-news/328-2010-08-07-04-10-53.html

Eble ankaŭ vi aŭ via kolego volus kaj povus traduki la poemon en vialandan lingvon? Laŭbezone (aldone al la poezia Esperanto-teksto) ni povas disponigi al vi la plenan laŭvortan tradukon de la originalo kaj klarigojn pri la uzataj en la Odo nialokaj nomoj.

Kadre de tiu ĉi per-Esperanta interkultura projekto estas planate eldoni libreton kun diverslingvaj tradukoj de la "Odo".

En marto 2011 en Moskvo aperis la nova poemaro de Irina

Aleksejeva, kies oficiala prezento okazis en la Centra Domo de Literaturistoj (Esperanta poezia traduko de "Odo al Samarkando" publike sonis dum la vespero!) kaj en la plej granda moskva librovendejo "Biblio-Globus". Se vi pretas kunlabori, anoncu vin al:

Anatoli Ionesov imps86@yahoo.com
http://www.aliaflanko.de/urbo/samarkand/muzeo.html
http://peace.museum.com

# Koreio

## La Seula Projekto

La Seula Projekto estis fondita en la komenco de 2011 por altigi nian lingvan kapablon. Ĉiumonate unu profesiulo prelegas sian profesian temon en Esperanto. La 18an de junio, s-ro HO Song prelegis "Kiel fariĝi pentristo". Aldone al ĝia profesia nivelo, la projekto zorgas ankaŭ aliajn aferojn. Ĉiu partoprenanto trejnas sin parkere kanti la himnon 'La Espero' ĝis la 3a verso.

Ĉiumonate, la Seula Projekto naskas unu korean kanton en Esperanto. La membroj celas traduki amindajn koreajn kantojn en Esperanton. Oni povas vidi kaj elŝuti la kantojn en la retejo ĉi tie (http://www.esperanto.or.kr/club/myclub/board.php?url=kantlibro&code=105). Se iu havas intereson pri la korea kanto kaj ĝia traduko, Bonvole kontaktu s-inon PARK Suhyun (gongpsh@hanmail.net)

Raportas PARK Suhyun, Koreio

* Troviĝas “Societo por kanti la himnon La Espero parkere”. Tiuj, kiuj povas kanti la himnon parkere, sciigu siajn nomon kaj landon al s-ro HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp, kiu donos al vi atestilon kaj rajton ekzameni aliajn pri tiu afero.

## Printempa renkontiĝo de K.T.P

K.T.P estas unu el la kulturecaj rondoj de la korea esperantujo. Tie oni ĝuas poemon, teatraĵon, muzikon kaj dancon. Okazis la

printempa renkontiĝo de K.T.P en la 28a – 29a de majo. Partoprenis 25 esperantistoj kaj 5 ne-esperantistoj, kiuj havas intereson pri la Esperantista festo.

Ĉi-foja temo estis "Sana kaj amuza vivo kiel esperantisto". Unu japanflanka membro, Semanto (s-ro KAWANISI Teturo), komencis kun prelego "Vivo kaj morto kiel esperantisto". S-ro Junĉjo prezentis manan akupunkturon. S-ino Vera prezentis mokson kaj kuracis kelkajn partoprenantojn tie. S-ino Cigno preparis filmon, kiu rememorigas s-inon Iela, kiu estis unu el la plej kapablaj membroj kaj forpasis nin antaŭ 6 monatoj. Sekve s-ro Vintro poemis pri ŝi.

K.T.P estas fama ankaŭ pro diversaj dancadoj. Belly Jogo, sporta danco, energia gimnastiko sekvis. Profesiaj dancoj estis prezentitaj de kelkaj membroj, kiuj estis gvidataj dum lastaj jaroj de s-ro Jedang, kiu estas tiel magia instruisto, ke li eĉ lignon povas dancigi. Bele disvolviĝis korea tradicia danco de s-ino Aroma. Teatraĵo 'Ĉunhjang' estis denove prezentita por ekzerco. Ĝin K.T.P prezentos en la venonta komuna kongreso japana kaj korea.

Rondo K.T.P estas unika pro siaj unikaj membroj. Dekomence K.T.P ne havas prezidanton. Ĉiu estas membro. Nur unu persono servas kiel kontaktpunkto. Kvankam laŭlibere ili organizas eventojn, ilia evento estas ĉiam aktiva kaj fruktoplena pro ĝiaj energiaj kaj kapablaj membroj. Retejo de K.T.P estas http://www.kotopo.com/

Raportis s-ro Vintro (vivanta58@hanmail.net)

## Somera Kurso de KEA Celas Japanion

Baldaŭ okazos la somera du-taga kurso de KEA la 9an de julio. Nun ĉiu kapablo estas direktita al la venonta komuna kongreso kaj komuna seminario, kiuj okazos samtempe en oktobro. Kvin klasoj estas preparitaj. Baza kurso, Baza konversacio, Stilo de Esperanto, PMEG de ILEI-Koreio kaj Libera konversacio. La klaso 'Baza konversacio' estos gvidata de junulino, kiu esprimis sian deziron

doni la ponto-metodon al komencantoj, kiuj jam komprenas gramatikon, sed ankoraŭ ne povas paroli en Esperanto.

Por kunmarŝi al la celo, la somera kurso havas specialajn programerojn. La unua estas 'prelegetaro', kie oni povas prelegeti en Esperanto dum 1 horo. Ĉiu deziranto preparas prelegeton por 5 minutoj pri japano, Japanio. Ĉiu koreo havus unikan sperton kun japanaj amikoj dank' al Esperanto.

La dua estas klaso 'libera konversacio', kie kutime oni babilas nur Esperante, tamen ĉi-foje ilia temo estas en la kadro de nia najbara lando Japanio. En la klaso oni gustumos japanan lingvon, japanan historion kaj japanajn kulturojn. Gvidos la klason s-ro Ho-song, kiu kapablas ankaŭ je japana lingvo. Estas antaŭvidate, ke la klaso estos la plej amuza, ĉar multaj homoj jam havas karajn memorojn kun japanaj esperantistoj kaj emas eldiri.

Raportis Nema

## La 13a "Tago de Pioniro"




Korea Esperanto-Asocio (KEA) ĉiujare festas la Tagon de Pioniro. Ĉiam memorindaj estas pioniroj, kiuj kiel esperantistoj dediĉis sin por la lando, samtempe por Esperanto. En tiu ĉi jaro, KEA elektis s-ron LI Jong-yul, kiu la tutan vivon uzis por bone

gvidi kaj pretigi junulojn por la estonteco kaj eldonis unu libron, kiu enhavas lian vivon kaj ideon.

La 14an de majo, okazis la rememora festo en la 'Demokratio', parko de Busan. Partoprenis 30 esperantistoj kaj 20 ne-esperantistoj, kiuj estas gviditaj de la s-ro Li kaj nun ankoraŭ movadas por plu demokratiigi la patrujon. Ankaŭ liaj filo kaj amikoj venis. Unu disĉiplo blankhara rememore rakontis unu epizodon. Kiam s-ro Li Jong-yul vidis siajn disĉiplojn fumantajn, li admone diris al ili kun la vortoj "Ĉesu tion, se ĝi ne helpas vian patrujon".

Ne multaj nuntempaj esperantistoj konas lin, kaj liaj disĉiploj estas jam maljunaj. Dank' al la Pionira tago, KEA povis konektiĝi kun ili. Ni Esperantistoj povis pli scii kaj kompreni, kiel tiu pioniro aktivis por la patrujo, kaj la disĉiploj liaj nun ekkomprenas, kia estas Esperanto, kiun ilia instruisto ĉiam emfazadis.

Raportas Nema, Koreio

# Nepalo

## Aperis "Templo" por honori forpasintojn

La homa korpo ne estas konstantaĵo. Multe pli konstantaj estas pensmanieroj kaj laboroj de la homaro. Pensoj kaj ideoj neniam mortas; nur la korpo pereas. Dum la ĵus pasintaj jaroj Nepala Esperanto-Asocio (NEspA) perdis tri aktivajn esperantistojn. Ili korpe ne plu estas ĉe ni, sed ili vivas inter ni. Ni sentas, ke ili ankoraŭ estas ĉe ni dum kunvenoj kaj aliaj agadoj. Kiam ni laboras por la movado, tiam ni sentas, ke ili gvidas nin por ke ni faru ion bonan. Ili vivas en niaj koro kaj menso.

NEspA kaj Nepala Esperanto-Junulara Organizo (NEJO) komune ĵus aperigis specialan numeron de "Templo" por honori tiujn forpasintojn: Apsana Giri, d-roj Keshav Ram Joshi kaj Satyendra Nath Bandopadhyaya. "Templo", la organo de NEJO, estis fondita de Apsana Giri mem, kiam ŝi estis prezidantino de

NEJO. Tiu ĉi numero enhavas diversajn artikolojn kaj pri la tri forpasintoj kaj pri aliaj temoj. NEspA kaj NEJO inaŭguris ĝin la 21an de junio. Ĝi estis formale inaŭgurita komune de la prezidantino de NEspA, s-ino Indu Devi Thapaliya, la vic-prezidanto de NEJO, s-ro Mukunda Chhetry, antaŭaj prezidantoj de NEspA, ges-roj Mukunda Raj Pathik, Maya Rai kaj LP Agnihotry, la vic-prezidanto de NEspA, s-ro Narendra Raj Bhattrai kaj NEspA-membro kaj mecenato, s-ro Baburam Neupane.

La programo komenciĝis je la 6:15 vespere kun la himno "La Espero", gvidata de s-ro Philip Pierce. Poste la speciala numero estis inaŭgurita. S-ro Pierce mallonge komentis la enhavon. La unua artikolo estis skribita de Apsana mem. La plimulto de la artikoloj temas pri la forpasintoj. Post la programo ni ĉiuj kune vespermanĝis.

Ni pensas, ke "Templo" estas historia gazeto, kiu kreos kontakton inter ni kaj esperantistoj de aliaj landoj. Ĝi montras atingojn de la movado en Nepalo, inter aliaj, ke esperantistoj estas ĉiamaj amikoj -- eĉ post la morto. Ni esperas, ke ankaŭ estontece ni povos publikigi samspecajn artikolojn pri forpasintaj geamikoj por ke posteuloj sciu pri rimarkindaj homoj kaj okazintaĵoj, kiuj instigu nin al simile rimarkindaj okazontaĵoj. Esperanto estas ne nur lingvo; sed ĝi enhavas internan ideon. Ĝi tiras nin al pli paca mondo, en kiu ĉiuj homoj, ĉu riĉuloj aŭ malriĉuloj, nigruloj aŭ blankuloj okcidentanoj aŭ orientanoj, estos gefratoj. Finfine, neniu estas superulo aŭ malsuperulo. Esperanto ekzistas por ke homoj pli bone komprenu sin mem kaj unu la alian. Ni ne diru, ke tio estas nura utopio. Tio iam certe realiĝos.

Apsana, kiel junulino, kunigis gejunulojn kaj aktivigis ilin. Post ŝia forpaso la junulara movado en Nepalo sentas sin iom kripla. NEspA-anoj ankaŭ longe sentos la mankon de d-ro Keshav Ram Ĵoshi, renoma intelektulo en Nepalo. Ni ĉiam fieros, ke homo kiel li estis pioniro de la Esperanto-movado en Nepalo. Kaj kvankam Satyendra Nath Bandopadhyaya eklernis Eperanton nur en maljuna

aĝo, tio ja estis kuraĝigo kaj al junuloj kaj al tiuj, kiuj pensas, ke maljuneco estas tempo por resti neaktiva.

Fine, mi elkore dankas al ĉiuj, kiuj morale, finance aŭ skribante kontribuis al la nova numero de “Templo”.

Bharat Kumar Ghimire, ĝenerala sekretario de NEspA

# Israelo

## Agado kaj decidoj de Esperanto-Ligo en Israelo Aprilo- Junio 2011

### 1. Israela Kongreso

Laŭ la reagoj de la partoprenantoj la Israela Kongreso okazinta en aprilo 2011 en Cezareo estis tre sukcesa, kaj koncerne la programon kaj el la vidpunkro de la loĝejo kaj la tagordo. Ankaŭ la eksterlandanoj, kiuj partoprenis la jam tradician postkongresan ekskurson al la Morta Maro, Masado, Eilat kaj la Ruĝa Maro, estis tre kontentaj.

### 2. Venontaj Israelaj Kongresoj

La estraro de ELI decidis okazigi la venontjaran Kongreson en Bet Ŝean (antikva Skitopolis), proksime ĉe la Lago de Galieo. Estas tie taŭga gastejo, multaj eblecoj por ekskursoj (i.a. la arkeologia parko, kie okazos turisma spektaklo). Ankaŭ proksimas la naturaj basenoj de SaĤne, kaj oni povos okazigi viziton en la kibuco. Ĉar estas varma loko, la kongreso okazu en la frua printempo, dum marto aŭ komenco de aprilo. La postvenonta Israela Kongreso okazos en 2013 kune kun la 7-a Azia Kongreso.

### 3. Reprezentado de ELI kaj UEA en la Holokaŭsta ceremonio en "Jad Vaŝem"

Malka Zemeli kaj Amri Wandel metis funebran florkronon nome de ELI kaj Universala Esperanto-Asocio en la Holokaŭsta

memor-ceremonio en "Jad Vaŝem"; Ĝi estis unu el 100 bukedoj metitaj de ŝtataj kaj aliaj instancoj. Interalie metis bukedojn la ŝtatprezidanto Ŝimon Peres, la ĉefministro Netanjahu, prezidanto de la parlamento, la prezidantino de la supera kortumo, kaj reprezentantoj de gravaj landaj kaj eksterlandaj instancoj. Estas jam la 6-a fojo sinsekve, ke Malka reprezentas ELI-n en tiu ceremonio.

**4. Landa Kunveno**

La somera tutlanda Kunveno de ELI okazos en Tel Aviv, la 20-an de junio. Kiel kutime estos nur arta kaj kultura programo: interalie Eran Vodevoz, patro de la plej juna Esperanto-parolanto en Israelo, la dujara Omer, prelegos Esperante pri denaska edukado.

**5. ELI-subvencio por partoprenigi junul(in)on en la IJK.**

Kiel pasintjare, ELI donos subvencion al aktiva junul(in)o por partopreni en la Internacia Junulara Kongreso. Ĉi-jare estis unuanime elektita por ricevi la subvencion de ELI la juna pentristo, kursgvidanto kaj estrarano de ELI Joni Kis-Lev. Li ankaŭ gajnis la konkurson de Tutlanda Esperantista Junulara Organizo (TEJO) por IJK-subvencio.

**6. Partopreno en la Universala Kongreso**

Al la UK en Kopenhago aliĝis 16 israelanoj. Post unu-jara foresto, ĉi-jare Israelo denove partoprenos en la Movada Foiro, kie eblos aliĝi al la Israela Kongreso kaj aboni la bultenon "Israela Esperantisto". Nome de Israelo salutos en la inaŭguro Gila Wandel. Du israelanoj prelegos kadre de Internacia Kongresa Universitato - Tsvi Sadan kaj Amri Wandel.

**7. Taskoj de la estraranoj**

Amri Wandel: prezidanto, internacia informado;
Jehoŝua Tilleman: vicprezidanto, UEA-aferoj;
Josi Ŝemer: sekretario, kasisto;
Michal Amir: prizorgo pri la ret-forumo pri Esperanto "Tapuz";

Nava Cinori: organizado de Israela Kongreso, ekskursoj;
Joni Kis-Lev: Junulara Esperanto-Ligo Israela, junularo;
Lea Kudevitzki: kontaktoj kun la membraro;
Matilda Landaŭ: libroservo, artaj eventoj;
Esti Seban: reprezentado de ELI ĉe KAEM kaj Meza Oriento kaj Norda Afriko;
Eldad Salzman: (senportfolia) specialaj taskoj;
Eran Vodevoz: Komitatano A ĉe UEA, enlandaj rilatoj kaj informado;
Gabi Zeevi: protokolisto.

Kompilis: Amri Wandel

# Vjetnamio

## "Tagkajero de Dang Thuy Tram"

Fine de la dua trimestro de 2011 aperis la Esperanta versio de La Taglibro de Dang Thuy Tram kun titolo "Hieraŭnokte mi revis pri paco". Tiu libro plorigas ĉiujn vjetnamojn ĝin legantajn.

Dang Thuy Tram estis studentino de Medicina Universitato, filino de familio, kies patro estis kuracisto, patrino, farmaciisto, preleganto ĉe Farmacia Universitato. Tram povus tre facile labori en Hanojo, sed ĵus diplomiĝinte, ŝi volontulis iri suden por partopreni en la batalo en akraj militaj kondiĉoj. Penetrite de la popola ideo "Kiam alvenas agresantoj, eĉ virinoj devas batali", samkiel miloj da tiamaj vjetnamaj gejunuloj, ŝi servis por la nacia savado kaj reunuiĝo.

Post ŝia morto restis ŝia taglibro. Jen estas legendo: Kiam tiu taglibro, konsistanta el du kajeroj, hazarde falis en la manojn de usona oficiro, li intencis ĵeti la unuan kajeron en la fajron pro tio, ke ĝi ne estis milita dokumento. Tamen, tiumomente konsilis al li vjetnama oficiro laboranta kiel interpretisto por la usona armeo, dirante: "Ne bruligu ĝin, ĉar en ĝi jam estas fajro". Tiu usona oficiro sekvis lin kaj gardis la du tagkajerojn, kies enhavon li komprenis

danke al la helpo de sia frato, ankaŭ usona oficiro, scipovanta la vjetnaman. Tial li konservadis la ibron, tenante ĝin en bona stato, kaj serĉis ĉiujn rimedojn por redoni ĝin al la familio de la mortinto.

Ĉio, kion Dang Thuy Tram skribis, estis por ŝi tute simpla, natura, ĉar ŝi skribis nur por si mem, sed por la legantoj, tio estas tiel klara, nobla, bonkoreca. Kiel juna kuracistino ŝi servis por militvunditoj, tamen tio dolorigis ŝin, ĉar ofte ŝi ne povis savi ilin pro manko de medikamentoj kaj rimedoj en sanatorio ĉe la fronto. Ŝi devis adiaŭi karajn amikojn, kiuj sinoferis por la patrujo. Dume ŝi rememoris sian amaton, kiu forlasis ŝin malfidele.




Post 35 jaroj la taglibro finfine atingis la manojn de la patrino kaj la fratinoj de la aŭtorino. La patrino konsentis publikigi ĝin. Poste, la originala vjetnama versio estis tradukita en 18 lingvojn de la mondo, alportante al la monda legantaro mesaĝon de Dang Thuy Tram pri paco, ŝiajn revon kaj luktadon. La Esperanta versio – la 19a eldonaĵo – estas la rezulto de komuna elkora kaj penoplena laboro – en tradukado kaj lingva reviziado – de vjetnamaj kaj eksterlandaj esperantistoj. Ni esperas, ke tiu Esperanta versio

atingos pliajn legantojn el pliaj landoj, kaj ke la internacia lingvo, ludante sian rolon de pontolingvo, ebligos ĝian tradukadon al pliaj lingvoj.

Informada Subkomisiono de Vjetnama Esperanto-Asocio

## Japana Esperantistino Malfermos Kafejon en Hoj An

S-ino Usuda Reiko, japana esperantistino, membro de Kaŭasaki-Esperanto-Asocio, 2 jarojn post sia translokiĝo kaj laboro en Danang-urbo, finis konstruadon de sia amikeca kafejo nomita "Hoi An U Kafejo" en la urbo Hoj An. La kafejo situas ĉe la bordo de Hoai-rivero, unu kilometron de la urbocentro. La desegno de la kafejo estas rezulto de unika renkontiĝo inter japana kaj hoj-ana tradiciaj konstruaj stiloj, kun naturamikemaj modernaj instalaĵoj. Starigante tiun kafejon, Usuda deziras favori al malavantaĝaj geknaboj el malriĉaj familioj ne nur per laboro sed ankaŭ per ŝanco por trejnado pri kuirarto kaj fremdaj lingvoj, inkluzive de Esperanto. Usuda esperas, ke Hoi An U Kafejo fariĝos kunvenejo de geesperantistoj el diversaj landoj en la tuta mondo. La kafejo malfermiĝos kaj akceptos gastojn ekde la 15a de junio 2011.

La 9a Festivalo de Vjetnam-Japana kultura interŝanĝo okazos dum du tagoj; la 20an kaj 21an de aŭgusto 2011 en la urbo. Ĝi estas bona ŝanco por ambaŭ turistoj kaj lokanoj konatiĝi kun belegaj tradiciaj kulturoj de ambaŭ landoj. Ankaŭ Hoi An U Kafejo partoprenos en la evento kiel loko por pentrado per peniko kaj ĉina inko.

Raportis Tran Hang Nga

# Ĉinio

## Esperanto-kurso en la supera mezlernejo

La 14-a Supera Mezlernejo de Dandong, Liaoning, fondiĝis en 1938. Ĝi havas pli ol 2000 studentojn kaj 174 geinstruistojn, i.a. 24 altrangaj instruistoj. Sub la celoj "Krei unuaklasan laboron, elbaki

kvalifikitajn kaj specialajn studentojn kaj konstrui normigan kaj specialan lernejon” la lernejo starigis en la 1-a grado la duan klason koncerne informan teknikon, korbopilkon kaj tiel plu.



Serioze aŭskultinte pri raporto de s-ino Li Yanqiu, altaranga instruistino de la lernejo, vic-prezidantino de Dandong-a Esperanto-Asocio kaj membro de ILEI, kaj aktive konsiderinte la rolon de Esperanto, la estraro decidis enkonduki Esperanton kiel studobjekton de la dua klaso.

La 31-an de majo 2011 la kurso estis finfine funkciigita en zorgeme aranĝita klasĉambro: verda standardo, tabuloj pri Esperanto kaj disaŭdigo de la Esperanta kanto La Gajaj Tagoj. Kun scivolemo kaj intereso 26 studentoj venis al la kurso gvidita de s-ino Li. Tiu rezulto estis tute ekster antaŭvido de la estraro. La aliĝintoj troviĝas sur la tria loko en studobjektoj de la dua klaso. La estraro tre ĝojis pro tio kaj esperas, ke Esperanto povas vere ludi rolon ne nur por vastigi internacian vidkampon de lernantoj, sed en elbakado de kvalifikitaj kaj specialaj lernantoj.

El la sukceso de la 14-a Supera Mezlernejo de Dandong mi konkludas, ke se ni esperantistoj aktive agadas kaj kuraĝe praktikas, plejprobable aperas bona rezulto. Mi bondeziras kaj esperas, ke amaso da junaj esperantistoj venos el la lernejo en la estonteco sub

zorgo kaj subteno de la estraro.

Adreso: Dandong-shi Zhen'an-qu Zhenzhu-jie 293-hao 118001 Dandong, Liaoning, Ĉinio

Retadreso: lyqssz@126.com ( por s-ino LI Yanqiu)

Retejo:http://**14**.ddedu.com.cn ( prove funkcias)

Wu Guojiang: Vic-prezidanto de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio

ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com

## Aglido-Agado komencas en Zaozhuang-a Universitato

La Aglido-Agado, kies celo estas kreskigi kaj esperantistigi gestudentojn kiel aglidojn pere de spertaj esperantistoj kiel agloj el fremdaj landoj, komencis en Zaozhuang-a Universitato posttagmeze de 25-a de majo. S-ino Ba Yan, la estrino de internacia instituto de la universitato, s-ro John Huang el Kanado kiel aglo, s-ino Hirundo, la sekretario de Junulara Komitato de Zaozhuang-a Esperanto-Asocio, f-ino Chen Chen, la prezidantino de Studenta Esperanto-Societo de Zaozhuang-a Profesia Instituto kaj pli ol 12 aglidoj partoprenis en la agado.



Nun 14 agloj el Koreio, Japanio, Usono, Rusio, Brazilo, Kubo, Kanado, Vjetnamio, Sud-Afriko kaj Kroatio, 19 aglidoj el Zaozhuang-a Universitato partoprenas en la Aglido-Agado, Ili korespondas aŭ babilas rete por lasta sukcesigo de agloj. S-ro Semio, delegito de UEA en la urbo Zaozhuang, estas zorganto kaj gvidas la agadon. Semio semio@163.com

## Esperanto en Zaozhuang-a Universitato

Esperanto-Movado estas forta en la urbo Zaozhuang de la provinco Shandong, kie estas Zamenhof-busto, kun regula Internacia Festivalo de Esperanto kaj oficiala kurso de Esperanto en universitatoj. Zaozhuang-a Esperanto-Asocio estas vigla en Esperantujo. Ni devas konigi al vi Esperanto-Movadon de Zaozhuang-a Universitato.

Antaŭ 30 jaroj la Universitato estis Zaozhuang-a Normala Kolegio, en kiu kelkaj instruistoj eklernis Esperanton kaj disvastigis Esperanton. En 1987 Zaozhuang-a Esperanto-Asocio fondiĝis, kaj la direktoro de la kolegio s-ro Zhu Shiqin estis elektita kiel prezidanto de la asocio, estro de fakultato de angla lingvo s-ro Yang Diantang estis elektita kiel ĝenerala sekretario de la asocio. La asocio situis kaj movadis en centro de la urbo.

En 2003 la urbo grandiĝis kaj mi eklaboris en la kolegio kiel oficisto pri aparatoj kaj planis denove enirigi Esperanton en la kolegion. Mi multe propagandis nian lingvon per aplikado de Esperanto. Samjare s-ro Vojtek el Pollando prelegis pri mondvojaĝo en Esperanto por pli ol 300 gestudentoj kaj mi interpretis lian prelegon. Post la prelego kelkaj misadmiris min pri mia lerta flua tradukado de “la pola lingvo”. Sed mi diris al ili, ke ni parolis en Esperanto. Iom post iom oficistoj, instruistoj kaj gestudentoj de la kolegio sciis pri Esperanto. En 2004 la kolegio fariĝis universitato. Mi proponis funkciigi Esperanto-lecionon en la universitato. Kelkaj estroj ne komprenas Esperanton, sed ili jam sciis la ekziston de nia lingvo. De 2006-2010aj jaroj Zaozhuang-a Esperanto-Asocio okazigis Internacian Festivalon de Esperanto en la universitato,

dekoj da esperantistoj el Japanio, Koreio kaj Ĉinio venis al nia lernejo. Ni invitis ĉefajn estrojn de la universitato partopreni en la festivalo, do, estroj akceptis Esperanton kaj mi translokis mian postenon al Internacia Instituto de la universitato sub la decido de estroj por Esperanto. Ĉi-pritempe Esperanto-leciono estis oficiale instruata kiel nedeviga leciono, kaj pli ol 90 gestudentoj elektis Esperanton.

S-ino Ba Yan, la estro de Internacia Instituto lernis Esperanton en 1982, tiam ŝi laboris en antaŭa kolegio. Ŝi diris, ke ŝi estis la unua homo, kiu lernis Esperanton en la lernejo. Ŝi ankaŭ partoprenis en 60-jariĝo de ĈEL kaj ŝi decidis multe labori por la movado. La direktoro de la Universitato, s-ro prof, Hu Xiaolin, esperas, ke Esperanto povos doni al gestudentoj novajn sciojn kaj internacian konon.

Semio, delegito de UEA kaj instruisto de Esperanto de Zaozhuang-a Universitato Semio@163.com

# Mongolio

## Planataj Rimedoj de Mongola Esperanto-Societo

(2011; 2012-2015)

**Por siaj celoj, la Societo:**

**A. efikigas informadon, instruadon kaj esploradon de Esperanto:**

(1) regule kunveni ĉiumonate por informi al siaj membroj pri enlanda kaj internacia Esperanto-movado kaj diskuti pri aktualaj problemoj;
(2) sezone eldoni la revuon "La Blua Ĉielo"
(3) kunlabore kun tutlandaj kaj lokaj ĵurnaloj kaj gazetoj publikigi artikolojn pri Esperanto (k.a. impresojn pri Mongolio verkitaj de eksterlandaj esperantistoj kaj aliaj vojaĝimpresoj ktp);
(4) funkciigi TTT-paĝojn kaj retan radio-elsendon;

(5) okazigi prelegojn pri Esperanto al laborantoj kaj studantoj de kunlaborantaj instancoj;
(6) regule okazigi elementan, meznivelan kaj progresigan instruadon inter siaj membroj;
(7) publikigi lecionojn de Esperanto-lingvo rete kaj surpaĝe de la ĵurnalo;
(8) sendi instruistojn al bezonataj lokoj kaj regionoj;
(9) kunlabore kun lingvistikaj universitatoj kaj kolegioj havi prelegojn en bakalaŭriga, magistriga kaj doktoriga niveloj pri Esperantologio, lingva demokratio kaj monda lingva problemo;
(10) kunlabori pri Esperanto kun koncernaj instancoj, ekzemple filologia instituto de la Scienca Akademio, neregistara(j) asocio(j) por gepatra lingvo, UNESKO-Nacia Komitato ktp.

**B. eldonas, subtenas kaj propagandas verkojn en Esperanto;**
(1) eldoni lernolibron de Esperanto por mongoloj (samtempe tradukinte eldoni eksterlandajn lernolibrojn);
(2) eldoni dudirektan vortaron;
(3) riĉigi la bibliotekon de la Societo;
(4) elesperantigi gravajn verkojn (ekz. "Esperanto en la 21a jarcento" de s-ro LEE Chong-Yeong, ktp);
(5) elmongoligi interesajn mongolajn verkojn (ekz. "Konciza Historio de Mongolio" de s-ro B. Batbayar, ktp);
(6) verki kaj eldoni pri Mongolio kaj ĝia historio, kulturo, socio ktp en Esperanto;

**C. progresigas la ĉiuspecajn rilatojn kaj kunlaborojn inter enlandaj kaj eksterlandaj esperantistoj kaj Esperanto-organizoj kaj okazigas Esperanto-eventojn;**
(1) partopreni en la projekto de ĝemelaj urboj por evoluigi kunlaborojn kun eksterlandaj Esperanto-organizoj kaj ĝemeligi sian urbon kun ilia;
(2) okazigi la Mongolan Kongreson ĉiun trian jaron;

(3) okazigi ĉiujare Internacian Someran Tendaron kaj Vintran Seminarion;
(4) organizi komunan internacian vojaĝon;
(5) partoprenigi sian reprezentanton en Universala Kongreso, Azia Kongreso kaj ceterajn gravajn eventojn;
(6) membrigi siajn aktivulojn al UEA, kiuj ne eblas mem kotizi;
(7) enkadre de KAEM aktive agi (proponi ekz. Renkontiĝon de la Prezidantoj de Aziaj Asocioj (ne nur Landaj Asocioj al UEA, sed ĉiuj en la regiono), pri Azia Junulara E-Kongreso, Malferma TTT-ejo de Azia E-Movado ktp).

**Ĉ. agadas por utiligi Esperanton en ĉiuspecaj soci-ekonomiaj kampoj (ekz. kultura, edukada, sporta, scienc-teknologia, komerca, turisma ktp)**

(1) okazigi (kun alilandaj asocioj kaj/aŭ kluboj) internaciajn konferencojn/forumojn por kunlaboroj kaj ĝemeliĝo (ekz. ĝemeligo de universitatoj, kolegioj, lernejoj, komercaj firmaoj, turismaj agentejoj, klinikoj ktp;
(2) kultura interŝanĝo (ekz. internaciaj kaj/aŭ du-, triflankaj kulturaj tagoj /kun prezentaĵo de la folklora koncerto, foto-ekspozicio, moda prezentaĵo, kaligrafio, tradiciaj ludiloj ktp);

(surbaze de tiuj planataj rimedoj ni prilaboros asociajn jarajn planojn detalajn)

la 26an de junio 2011, Ulanbatoro

# Vojaĝo tra Irano pere de Esperanto (2-1)

Ruŝno Rajhoni stasaf@yandex.ru
Firdaŭs Ŝukurov komintel@yandex.ru
(Taĝikio)

En la fino de la pasinta jaro aperis informo pri okazigo de la 4-a Mezorienta kunveno en Karaĝo (Irano). Jam delonge ni revis pri vizito al tiu ĉi bela kaj interesa lando kun riĉega historio, arto kaj

kulturo. Ni ekĝojis – jen venis la tempo realigi nian revon: konatiĝi kun esperantistoj kaj pere de ili pli bone koni la historion, arton kaj kulturajn tradiciojn de la popolo. Des pli, ke la Kunveno devis okazi en la tagoj de la granda orienta festo Noŭruzo (Nova tago (jaro)) – dusemajna festo, kiu estas agnoskita kiel internacia.

Post kiam ni jam ricevis vizojn, aperis malĝojiga informo pri la neokazigo de la Kunveno. Pro la politikaj eventoj en la arabaj landoj, la estraro de Irana Esperanto-Asocio (IREA), timante, ke tio povos esti danĝere al la partoprenontoj, decidis ne okazigi la Kunvenon. Okazis tiel, ke kelkaj eksterlandanoj (s-ino Ildiko el Hungario, familio Sans el Svislando kaj ni el Taĝikio) venis al Irano.

La 14-an de aprilo ni surteriĝis en la internacia flughaveno de Imamo Homejni (50 km for de Tehrano). Ĉar la aviadilo malfruis, ni venis nokte. Unue ni ŝanĝis iom da mono kaj poste serĉis buson al la urbo. Finfine ni trovis buson kaj venis al la flughaveno por enlandaj flugoj. De tie ni per taksio atingis loĝejon de s-ro Hamzeh Shafiee, kiu invitis nin por tranokti. Ges-roj Shafiee regalis nin per bongustaj manĝaĵoj. Ni parolis pri diversaj temoj kaj bone ripozis. La sekvan tagon s-ro Hamzeh venigis nin al la oficejo de IREA. Tie nin salutis s-ro Reza Torabi kaj kelkaj aliaj esperantistoj. S-ro Reza kaj s-ino Fariba Maĝd invitis nin al sia hejmo. Ili informis nin pri la nuna stato de la Esperanto-movado, sukcesoj kaj problemoj. S-ro Reza provizis nin per biletoj por metroo kaj karto por poŝtelefono. Li helpis al ni organizi rondvojaĝon tra kelkaj famaj urboj de Irano kaj renkonti kiel eblas pli multe da esperantistoj. Dum la vojaĝo li ĉiutage telefonis al ni por ekscii pri nia stato. Ni estas ege dankemaj al li.

La 16-an de marto, meznokte, ni startis per interurba komforta buso kaj direktis nin al Tabrizo (norda Irano). Post agrabla dormado en la buso, ni frumatene venis al Tabriza buscentro, kie nin renkontis s-ro Askar Maromi. Post kiam ni lasis niajn pakaĵojn en hotelo “Maŝad”, s-ro Askar gvidis nin al vidindaĵoj de la malnova urbo. Ni vizitis muzeon, moskeojn, bazaron. S-ro Askar estas

kredanto. Dum nia promenado li multe rakontis al ni pri islama religio. Por pli bone konatigi nin pri la islamaj tradicioj en familio, li invitis nin al la hejmo de sia frato, kie ni vespermanĝis kaj bone konversaciis kun la parencoj de s-ro Askar.

Verŝajne ne ekzistas alia esperantisto en Tabrizo, ĉar la sekvan tagon ni promenis sole. Ni vizitis tombejon/muzeon kaj apudstarantan Bluan moskeon. Vespere s-ro Askar gvidis nin al la buscentro, de kie ni direktis nin al la urbo Kermanŝaho.

Al Kermanŝaho ni venis frumatene la 19-an. La buscentro ankoraŭ ne funkciis. Ĉar estis tre malvarme, ni decidis preni taksion kaj veturi al iu malmultekosta hotelo. Iu policisto helpis al ni, kaj petis iom da mono por tio. Ni iomete ripozis en la hotelo kaj post konatiĝo kun la centra parto de la urbo, ni direktis nin al urbeto Kagevaro, apud kiu troviĝas restaĵoj de la antikva palaco de diino Anahita.

En Kagevaro ni sukcesis renkonti lokan esperantiston, s-ron Ali Koŭsari, kun kiu ni konversaciis dum duonhoro. Bedaŭrinde pro la manko de tempo ni ne povis akcepti lian afablan inviton gasti ĉe lia familio. Sur rea vojo ni vizitis urbeton Behistun. Tie, kun multe da aliaj turistoj, ni grimpis sur monteton, kie antaŭ jarmiloj estis ĉizita bildo de reĝo Dario akceptanta donacojn de la reĝoj de konkeritaj landoj.

Vespere ni revenis al Kermanŝaha buscentro kaj nokte veturis al Isfahano. Al Isfahano ni venis la 21-an frumatene. Post matenmanĝo en la buscentra kafejo ni direktis nin al urbeto Ŝahinŝahr. Kvankam taksio estas tre populara en Irano, ni, uzante itinerbuson, baldaŭ atingis nian celon. En Ŝahinŝahr nin gastigis familio de s-ino Farŝideh kaj s-ro Parviz. Ankaŭ la frato de Farŝideh iam lernis Esperanton. S-ino Farŝideh rakontis al ni pri Isfahano kaj konsilis viziti kelkajn lokojn, nome: Imamplaco (Majdoni ĝahon), Ĉilsutun (Kvardek kolonoj), Haŝt behiŝt (Ok paradizoj), 33 pul (33 pontoj), Ŝohadoplaco, Medreseo Ĉorbog (Kvar ĝardenoj). Dum tri tagoj ni sukcesis viziti ĉiujn ĉi lokojn kaj eĉ pli. La kvaran tagon ni promenis tra grandega bazaro kun miliardoj da aĵoj kaj suveniroj!

Ĝustas onidiro “Isfahan – nisfi ĝahan” (Isfahan estas duono de la mondo).

Meznokte la 24-an de marto ni venis al la buscentro kaj veturis al Ŝirazo – naskiĝloko de la mondfamaj poetoj Saadi kaj Hafizo. Veninte frumatene al Ŝirazo, unue ni klopodis trovi buson al Marvdaŝt kaj Persepolis (Tahti Ĝamŝed (trono de Ĝamŝedo)). Ni lasis niajn valizojn en deponejo de la buscentro kaj direktis nin al tiu unika antikvaĵo. Post 50-kilometra veturado, ni atingis Persepolison tagmeze. Ĝi estis konstruita de reĝoj Dario kaj Kserkso en la 6-5 jarcentoj a.K. Tiam ĝi estis ĉefurbo de la dinastio de Aĥemenidoj. Inter la grandiozaj kolonoj svarmis turistoj el diversaj lokoj de Irano. Necesas substreki, ke irananoj ege ŝatas turismi. Ni estis, verŝajne, solaj eksterlandanoj.

Vespere la 25-an ni revenis al Ŝirazo, trovis malmultekostan hotelon kaj restis tie dum du noktoj. Ni vizitis kelkajn moskeojn, citadelon, armenan katolikan preĝejon, maŭzoleojn de Saadi kaj Hafizo. La tomboj de grandaj poetoj troviĝas en belegaj ĝardenoj, kiuj similas al paradizo!

Nokte en la buscentro, antaŭ nia veturo al Jazdo, nin kaptis loka esperantisto s-ro Farhod Vesal. Ĉirkaŭ unu horo ni agrable kaj interese babilis. S-ro Farhod parolas kelkajn lingvojn kaj li interesiĝas pri etimologio de vortoj en diversaj lingvoj.

(Daŭrigota en n-ro 73)

# Raporto pri la Katastrofo en Japanio

HORI Jasuo (Japanio)

Mi aŭdas, ke en aliaj landoj jam malofte aperas novaĵoj pri la japana katastrofo okazinta la 11an de marto 2011, sed ĝi estas tiel granda kaj krome kun nuklea akcidento, ke la situacio estas ankoraŭ tre serioza.

La 4an de julio mortintoj estas 15529 kaj malaperintoj estas 7098. La cunamo detruis grandan parton de la marbordo en la regiono Toohoku, tial multaj homoj envolviĝis en ĝi kaj eble estas

transportitaj en la maron. Oni forigas rubaĵojn kaj reordigas la vivon, sed ankoraŭ ne venas la tempo por rekonstrui domojn, fabrikojn kaj havenojn.

En la gubernio Fukuŝima la kvar nukleaj reaktoroj ankoraŭ ne estas regataj. Oni klopodas kvietigi tiujn per akvo, sed nun problemas tiu akvo malpurigita per radioaktiveco. Oni provas recirkuligi la akvon per franca kaj usona maŝino, sed ĝi ne bone funkcias. Se oni ne sukcesus en tiu, oni devus forfluigi la malpuran akvon en la maron, kaj tio estas grava problemo ne nur por Japanio sed ankaŭ por najbaraj landoj, kaj fine por la tuta mondo.

Japanoj vivas kun timo de radioaktiveco, kiu elflugas el la reaktoroj. Ĝi disvastiĝas ne nur en Fukuŝima, sed ankaŭ en Tokio kaj pli foraj lokoj. Oni ne povas neniigi radioaktivecon jam eligintan kaj disvastiĝintan, tial eĉ se oni sukcesos regi la reaktorojn, la problemo eterne daŭros. Tio estas terura afero tute alia ol ordinaraj katastrofoj kiel tertremo, cunamo, erupcio, gaseksplodo ktp., kiuj iam finiĝas.

La nombro de rifuĝintoj estas 110000, plejparto estas tiuj, kiuj fuĝas el la najbaraj urboj de la nukleaj reaktoroj. Loĝas esperantistoj en la gubernio Fukuŝima kaj ili vivas kun maltrankvilo, sed ili planas okazigi la 52an Toohoku-Kongreson en la urbo Fukuŝima la 22an kaj la 23an de oktobro.

Japanaj esperantistoj klopodas venki la katastrofon, sed ili atendas vian subtenon kaj kuraĝigon.

## === Esperanto-eventoj===

**Azio**

**2011**

8.12 ~ 15 / ILEI-seminario inter Ĉinio, Japanio kaj Koreio / Tianjin, Ĉinio

10.7 ~ 9 / Komuna Kongreso de Esperanto de Koreio kaj Japanio aŭ de Japanio kaj Koreio, La 30-a Komuna Seminario / Seongnam proksime de Seulo, Koreio

*Samloke kaj samperiode okazos La 43a Korea Kongreso de Esperanto, La 98a Japana Esperanto-Kongreso kaj la 30a KS.

10.22 ~ 23 La 52a Toohoku-Esperanto-Kongreso / Fukuŝima, Japanio

**2012**

7.28 ~ 8.4 / La 97a Universala Esperanto-Kongreso / Hanojo, Vjetnamio

Majo aŭ junio / La 61a Kantoo-Esperanto-Kongreso / ???, Japanio

Majo aŭ junio / La 60a Kansaja Esperanto- Kongreso / Osako, Japanio

8.5 ~ 12 / La 68-a Internacia Junulara Kongreso / Tenri en la gubernio Nara, Japanio

*La kongresloko de la IJK ŝanĝiĝis de Okinavo al Tenri.

La urbo Tenri estas religia urbo en Japanujo. En la jaro 1838 la virino, nomita NAKAJAMA Miki komencis religion tie. La religio nomiĝis Tenrikjo, kaj pli kaj pli la religianoj unuiĝis tie. En la jaro 1954 ses vilaĝoj unuiĝis kaj fariĝis unu nova urbo, kaj mem-nomiĝis la urbo Tenri. Nun Tenri estas la unusola religia urbo publika en Japanio.

Somere / La 7-a Esperanto-Kongreso de Nordoriento kaj Interna Mongolio de Ĉinio / Changchun, Ĉinio

Oktobre / La 99a Japana Esperanto-Kongreso / Sapporo, Hokajdo, Japanio

Oktobre / La 44a Korea Esperanto-Kongreso / Koreio

**Aranĝoj en la Mondo**

2011.7.9 ~ 17 / Aŭstralia Esperanto-Kongreso / Adelaide

2011.7.14 ~ 21 / La 67a Internacia Junulara Kongreso / Kievo, Ukrainio

2011.7.17 - 23 / Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj / Kopenhago,

2011.7. 23 ~ 30 / La 96a Universala Kongreso / Kopenhago, Danlando

2011.7.30 ~ 8.6 / La 84a Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda / Sarajevo, Bosnio-Herzgovino

**KAEM-anoj**

1. Koreio: S-ro PARK Yong-sung   esabpark@korea.com>
2. Vjetnamio: S-ro Hoang Ngoc Boi
   <amarateo@gmail.com> <boihn.gm@vietsov.com.vn>
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang <wrxzj@tom.com>
4. Barato: s-ro Ranganayakulu <ranganayakulu@gmail.com>
5. Japanio: s-ro SASAKI Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
6. Pakistano: S-ro Muhammad Zubair <zurnab_pk@yahoo.co.in>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
8. Nepalo: S-ro Mukunda Raj Pathik <mpathik@gmail.com>
9. Taĝikio: S-ro Fajzullaev Ĝamŝid <fajzullaev@yandex.ru>
10. Israelo: s-ino Esther SEBBAN <esti33333@hotmail.com>
11. Mongolio : S-ro Chimedtseren Enkhee <enchjo@yahoo.com>

**Kunlaborantoj de KAEM**

Japanio: s-ro HORI Jasuo (redaktado de "Esperanto en Azio")
s-ino TAHIRA Masako (provlego)
s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)

## El la redaktanto

Morgaŭ la 6an de julio mi iros al la oficejo de Japana Esperanto-Instituto, kie laboros kelkaj esperantistoj por ekspedi tiun ĉi organon al 500 homoj (150 koreoj kaj japanoj, kaj 350 alilandanoj). Ekde la kolektado de artikoloj ĝis la ekspedo ili senpage laboras. Mi deziras, ke vi legu la organon, rememorigante ilian sindediĉan laboron.

---


## Esperanto en Azio

Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581   fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0822 Gunma-ken Maebasi-si Simosinden 10-27